# JUBILEA I.F.E.F. - KONGRESO EN ÄRHUS

Pasintan monaton Majo, la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (I.F.E.F.) festis sian Jubilean Kongreson en la dana urbo Ärhus.

Kvankam la nuna Federacio fondiĝis en la jaro 1948, tamen la unuaj paŝoj por organizi Federacion de landaj Esperanto-asocioj datiĝas de antaŭ la unua mondmilito.

La naskiĝo de Internacia Esperanto-Federacio okazis la 7-an de Septembro de 1909 en la kadro de la Universala Kongreso en Barcelono. Tiam kunsidis 11 fervojistoj el 6 landoj. Ĉiujare, dum la Universala Kongreso de Esperanto, la fervojistoj celebris siajn laborkunsidojn, kaj jaron post jaro, la membraro plialtiĝis atingante membronombron de 227 el 15 landoj en 1914. Bedaŭrinde, la unua mondmilito ruinigis la promesplenan movadon.

Post la paco, la restintaj membroj ekklopodis reorganizi la movadon inter la fervojistaro; okaze de la 13-a Universala Kongreso de Esperanto en Praho en la jaro 1921-a, refondiĝis I.F.E.F. kun partopreno de 13 landoj.

La periodo ĝis la dua mondmilito estis vigla kaj multaj landoj reorganizis siajn fervojistajn Esperanto-grupojn, eldonis fakajn gazetojn kaj tre bone sukcesis kunlaboro kun transportaj sindikatoj kaj fakaj fervojaj organizaĵoj.

En 1931 okaze de la fakkunveno en la kadro de la 9-a Kongreso de S.A.T., en Amsterdamo, estis fondita la I.F.E.T.T. —Internacia Federacio de Esperantaj Trafik-kaj Transport-Laboristoj—. La internacia oficejo de I.F.E.T.T. stariĝis en Vieno, sed pro manko da fortoj en la viena grupo, oni translokigis ĝin al Amsterdamo en 1932.

Kiam en 1939 eksplodis la dua mondmilito, la Internacia Oficejo de I.F.E.T.T. en Amsterdamo provis dum iom da tempo savi la ekziston de la Organizaĵo, sed ĉio estis vane kaj la Federacio denove mortis pro malpacaj aferoj dum la periodo 1940-1945.

Tuj post la fino de la dua mondmilito, la Nederlanda Fervojista Esperanto-Grupo klopodis por restarigi la Internacian Fervojistan Esperanto-Movadon. En 1947, oni organizis franca-nederlandan renkontiĝon; dum boatekskurso al insulo Marken oni interkonsentis pri Internacia Federacio. Sekvontan 4-an de Aŭgusto 1948, dum la 21-a S.A.T.-Kongreso en Amsterdamo, fondiĝis la nuna Internacia Federacio de Esperantistoj Fervojistoj (I.F.E.F.) kun ĉeesto de reprezentantoj el 5 landoj.

I.F.E.F. startis en 1948 kiel sendependa Internacia Federacio kun tri landoj aliĝintaj kiuj entute konsistis el 250 membroj.

La danoj invitis la unuan kongreson kaj ĝi efektiviĝis en Majo 1948 en urbo Ärhus. De post tiu dato, ĉiujare okazis I.F.E.F.-kongreso. La nuna Federacio konsistas el 3075 membroj.

Ĉiun duan monaton aperas nia oficiala bulteno INTERNACIA FERVOJISTO; pere de ĝi oni informas la membraron pri la plej gravaj agadoj okazintaj en la sino de la Federacio.

Unu el la plej gravaj laboroj de I.F.E.F. estas la TERMINARO pri fervojo; oni sukcesis eldoni fakajn vortaretojn en Esperanta, Germana, Norvega, Hungara, Nederlanda kaj Jugoslava lingvoj, kaj nune, oni pretigas ĝin en Itala, Franca kaj Hispana lingvoj. Ankaŭ pri tradukoj al Esperanto de la U.I.C.-vortaro ili vigle laboradas.

Diversaj fervojaj administracioj el Eŭropo eldonas siajn horar-librojn, fervojan propagandon, kolorfilmojn kaj aliajn informilojn en esperanta lingvo.

Ĉiuj landaj asocioj instruas Esperanton inter la fervojistaro kaj tre bone kunlaboras en aliaj Esperanto-Kluboj, landaj federacioj, sindikatoj, k.t.p.

La nuna I.F.E.F.-estraro estis elektita dum la 20-a Kongreso en Varna (Bulgarujo); do, ili daŭras ekde Majo 1968. Krom la estraro, pli ol [illegible] membroj de I.F.E.F. estas ankaŭ individuaj membroj kaj fakdelegitoj de [illegible].

Kelkaj membroj, kiuj sindone laboradis por I.F.E.F., estis hono[illegible]itaj per ora, arĝenta aŭ bronza medaloj de F.I.S.A.I.C.: la plej grava kultu[illegible]ganizaĵo en la fervojista medio el Eŭropo.

En I.F.E.F. staras tri gravaj komisionoj: Statut-komisiono, Fak-prelega komisiono kaj Terminara komisiono. Dum la tuta jaro, sed precipe dum la kongresoj de I.F.E.F., ili laboradas pri siaj specialaj taskoj kun plena sukceso.

---

Por partopreni la ĉijaran kongreson en Ärhus, 34 hispanaj gesamideanaj fervojistoj envagoniĝis la 10-an de Majo en la "Hispania Exprés", la plej taŭga trajno por veturi al Skandinavio.

Kelkaj nevojaĝantaj gesamideanoj adiaŭis nin ĉe la perono de la stacio "Barcelona Término"; tio ja estas normala afero, ke samtempe iuj fervojistoj partoprenas la kongreson, aliaj devas resti laborantaj en la fervojo.

Ĝis Hamburgo la vojaĝo estis komforta kaj rapida; bedaŭrinde, tie ni devis lasi la "Hispania Exprés" por sekvi la vojon kiu kunportus nin al la kongresurbo Ärhus. Ĉar tuja trajno ne estis, ni nepre devis tranokti en Hamburgo; ni profitis la okazon por nokte viziti la urbon.

La amuza kvartalo "Sant Pauli" tre allogis la hispanan grupon, kiu are promenis kun malfermitaj okuloj tra la tipaj stratetoj de la fama kvartalo.

Sekvantan tagon ni daŭrigis la vojaĝon per vagonaro, kiun ni baptis "Esperanto Exprés", ĉar la plimulto el la okupantoj estis kongresanoj survoje al Ärhus.

La alveno okazis je la 14-a horo; en la stacio, atendis nin afablaj gesamideanoj el la L.K.K., kiuj informis nin pri la loĝejoj kaj aliaj detaloj rilate al la kongresejo.

La Renkontiĝa Vespero ĉiam estas unu el la plej feliĉaj momentoj, kiun travivas la kongresanaro; ĝi okazis en la hotelo "Merkur", kongresejo de la 25-a I.F.E.F.-Kongreso. Gajaj vizaĝoj ĉie estis rimarkindaj; salutojn kaj ĉirkaŭpremojn interŝanĝis la jam konataj partoprenantoj; la belaj francinoj, kiel ĉiam, malavare disdonis kvaropajn kisojn inter la hispanaj geamikoj.

Danke al la bongusta dana biero, la babilado inter la ĉeestantoj fariĝis pli kaj pli vigla, sed post noktomezo la salono malpleniĝis ĉar la plimulto de la esperantistoj estis ĵus alvenintaj post longa veturado.

En la salonego de la urbodomo okazis la solena malfermo de la Kongreso. Aŭtoritatuloj de la urbo kaj estroj de la fervojo prezidis la inaŭguron kune kun I.F.E.F.-estraro kaj membroj de la L.K.K.

Per la salutvortoj de la Hispana Delegito, ĉiuj partoprenantoj estis invitataj viziti la 26-an Kongreson de I.F.E.F. okazonta en Tarragona de la 11-a ĝis la 17-a de Majo 1974. Samtempe, li transdonis belan reproduktaĵon de la romia mozaiko "La Medusa" donacon de la urbestro de Tarragono al la urbestro de



Hispanaj gekongresanoj antaŭ la vagonfabriko "SKANDIA"

Århus. Li dankis la donacon kaj promesis viziti Tarragonon okaze de la fervojista kongreso.

Post la inaŭguro de la Kongreso okazis la bankedo en la bele ornamita manĝoĉambro de la kongresejo; dum ĝi ni gustumis la danajn specialaĵojn de ĝia kuirarto.

Posttagmeze, ni vizitis la urbon per organizita aŭtobusa rondveturado. Tiam ni ekkontaktis kun la plej vizitindaj monumentoj kaj parkoj de la urbo, kiuj dum unu semajno estis por ni ĉiutage videblaj dum nia transiro de la loĝejo ĝis la kongresejo.

De la 14-a ĝis la 18-a okazis diversaj laborkunsidoj, fakaj kunsidoj, prelegoj, filmprezentado, ktp. Kiel ĉefa temo, estis traktita la ĉiam pli kaj pli gravan problemon de la lingva malfacilaĵo en la translima trafiko; kaj oni proponis adopti por la internacia trafiko la neŭtralan internacian lingvon ESPERANTO, invitante la fervojajn administraciojn kaj turismajn organizaĵojn, kunvoki internacian konferencon por esplori kaj solvi ĉi tiun lingvan problemon ne plu prokrasteblan.

Faka ekskurso okazis al la vagonfabriko SKANDIA RANDERS. Ni vizitis ĝin gvidataj de teknikisto, kiu sufiĉe bone regis la esperantan lingvon.

La temo de la faka prelego estis "D. S. B. kiel ŝipkompanio"; ĝin akompanis kolorfilmoj, kio helpis kompreni pli bone la gravecon de la fervojŝipoj en la dana fervojreto.

Dum la kongresa semajno ne ĉio estas laboro, ankaŭ amuzaĵoj kaj turismaj vizitoj okazis.

Internacia balo okazis dimanĉon vespere; ankaŭ dum la vespera renkontiĝo, junulara vespero kaj F.I.S.A.I.C.-vespero, oni dancis ĝis malfrua horo.

Ekskursoj okazis du: Tuttaga ekskurso per trajno al Ry. Per ŝipo sur la lago al al Silkeborg kaj denove per trajno al Mildelfart; ĉar la trajno kunportis specialan vagonon por dancado, ĝi estis plenplena dum la vojaĝdaŭro.

Duontaga ekskurso al Molso per aŭtoĉaro; ĝi situas sur la "nazo" de Jutlando kaj oni montris al la gepartoprenantoj tre antikvajn domojn de fiŝkaptistoj. Apud la marbordo troviĝas antikva vikinga ŝipo, kiu ankoraŭ montras sufiĉe bone konservita sian strukturon.

Sabaton matene, je la oka, oni forveturis per ŝipo al Kalenborg kaj per speciala trajno, de Kalenborg al Kopenhago, por partopreni la Postkongreson en tiu lasta urbo.

*R. Devís*

---

# GRAVA ROMANO DE BAROJA EN ESPERANTO

Okaze de la unua jarcento de la naskiĝo de la eminenta aŭtoro Pío Baroja kaj omaĝe al lia memoro, ĵus aperis sub la prestiĝa marko *Stafeto,* en ties *Belliteratura Serio,*

**LA ARBO DE LA SCIADO**

"El árbol de la ciencia", eble la plej signifa kaj karakteriza romano de Pío Baroja.

La tradukon arte kaj konscience plenumis nia kunlaboranto Fernando de Diego, kaj ĝin pli valorigas brila prezento originale verkita de nia samideano, d-ro Juan Régulo Pérez.

*La arbo de la sciado* havas 232 plus XXII paĝojn, kun ilustrita kovrilo, la grandon de 16 × 22 cm, kaj la prezon de 260 pesetoj.

Ni varme rekomendas ĉi tiun novan atuton de la Esperanta tradukarto kaj esperas, ke senescepte ĉiuj samideanoj aĉetos la libron, kontribuante tiel al la plua disvolvo de nia Esperanta literaturo kaj al la tutmonda diskonigo de hispanlingvaj ĉefverkoj.

Turnu vin kun via mendo al.

# 56.ª DATREVENO DE LA MORTO DE DRO. ZAMENHOF



Okaze de la LVIª datreveno de la morto de Dro. Zamenhof, la 13-an de aprilo, en la sidejo de Hispana Esperanto-Federacio en Madrid, okazis aranĝo konsistanta el prelego pri Esperanto, en hispana lingvo. La preleganto estis la norvega esperantisto, Dro. Otto Pritz, profesoro en la Universitato de Oslo (Norvegujo).

Unuavice, la Prezidanto de H.E.F., Sro. Angel Figuerola Auque prezentis la prelegonton, kiu nuntempe estas en Madrido pro lingvistikaj esploroj, kiujn li faras por la Universitato de Oslo (Norvegujo).

Tuj sekve, Dro. Pritz prelegis pri la temo: "Utilidad del Esperanto en la vida real".

Per sia karakteriza parolflueco la preleganto, tiel klare kaj konvinke, disvolvis la temon, kiun ni ĉiuj intense sentas, ke li tuj kaptis la atenton de la ĉeestantaro.

Dro. Pritz prelegis en korekta hispana lingvo, kio multe mirigis la ĉeestantojn nekonantajn lin. Je la fino, varma aplaŭdado premiis Dron. Pritz pro lia bonega disertacio.

Koran gratulon!

## NOVA KURSO

La 2-an de junio, en la Salono de la Paroĥejo de Ntra. Sra. de la Asunción, en Madrid, kaj kiel enkonduko al la kurso, kiun en tiu ejo klarigos Sro. Jaime Miró, prelegis la Prezidanto de H.E.F., Sro. Angel Figuerola Auque pri la temo "Valor del Esperanto como Lengua Internacional".

La prelego, kiu multe plaĉis al ĉiuj ĉeestantoj, estis bona informado por komenco de nova kurso. Sro. Figuerola estis tondre aplaŭdita je la fino.

La prezenton de la prelegonto, faris Sro. Jaime Miró per emociaj vortoj. Ankaŭ Sro. Miró estis varme aplaŭdita.

## NEKROLOGOJ

### TERESA LLOBET

La 15-an de junio, forpasis en Sabadell, en la aĝo de 89 jaroj, S-rino Teresa Llobet, patrino kaj avino respektive de la H.E.F.-anoj, S-roj Martín Armengol Llobet kaj Jaime Armengol Doménech, ambaŭ aktivaj membroj de la estraro de "Centro de Esperanto Sabadell".

Al ŝia familio nian sinceran kondolencon.

Ŝi pace ripozu!

# RENKONTO DE NOVAJ KAJ VETERANAJ ESPERANTISTOJ EN ALCAÑIZ (Teruel)

Ĉijare, nia samideanino Mag. Sara Maynar Escanilla, Direktorino de la Liceo de Alcañiz (Teruel) kaj malnova esperantistino organizis en tiu Oficiala Centro, kurson de Esperanto, kiun ŝi gvidas; la kurso bone sukcesas, la gelernantoj apartenas al la lastaj kursoj de la abiturientaj studoj, kun entuziasmo ili pretiĝas por revivigi la semon, kiu en la unuaj jaroj de la esperantismo en Hispanujo donis al nia movado elstarajn esperantistojn en tiu aragona provinco, same en la ĉefurbo Teruel kiel en Alcañiz, Calanda, ktp; inter ili, S-ro Agustín de Montagud, kunfondinto de "Frateco" la veterana Esperanta Societo de Zaragoza; nia kara Prezidanto Prof. Dro. Miguel Sancho Izquierdo; S-ro Julio Belenguer, estrarano dum pluraj jaroj de la "Sociedad Española para propaganda del Esperanto"; S-roj Villarroya Lahoz, Vicente Pérez, Gómez Rojas, kaj aliaj.

La 20-an de majo, frumatene, preskaŭ 50 esperantistoj de Zaragoza veturis al Alcañiz per granda aŭtobuso kaj privataj aŭtomobiloj. Hela ĉielo kaj milda vetero permesis al ni ĝui belan veturadon.

Survoje, alvenante al sama alteco de la "Estanca de Alcañiz" kaj antaŭ ol atingi la punkton kie malnova vojgastejo indikis la devion de du ŝoseoj, kiuj kondukas al du lokoj situantaj en la t. n. "ruta del tambor" (vojo de la tamburo): Alcañiz kaj Calanda, monumento dediĉita al tiu tamburo elstaras en la horizonto. Sur grandega tamburo —bazo kaj belvedero de kiu oni povas admiri belegan panoramon— la figuro de tamburisto, kvazaŭ simbolo de fido. Tiu fido de la "tierrabajinos" * kiuj jaron post jaro revenas al siaj naskiĝurboj okaze de la Sankta Semajno por ludi la tamburon, kvazaŭ sonora kaj vibra kuntrapunkto de la liturgio per kiu oni memoras la agonion, morton, kaj reviviĝon de Jesuo-Kristo.

Je la 11-a ni alvenis al Alcañiz, ĉefurbo de la t. n. "Tierra Baja aragona". En la placo de España atendis nin F-ino Maynar kaj la gelernantoj de la nova kurso de Esperanto, kiuj post la kutimaj salutoj akompanis nin tra la urbo kaj montris al ni la ĉefajn vidindaĵojn.

Alveninte, ni ne povis ne elmontri nian miron antaŭ la beleco de la placo. La Urbodomo, de la XIVª jarcento estas unu el la plej belaj konstruaĵoj de la aragona arkitekturo, ĝi formas angulon kun la "Lonja" ** de gotika stilo. La du konstruaĵoj kvankam tre malsamaj mirige unuiĝas; al la severeco de la Urbodomo, kiu montras la potencon de la urba vivo de Alcañiz, ne malhelpas la gracio de la Lonja, inda de la itala "quattrocento".

Antaŭ ol komenci nian vojiron tra la stratoj de Alcañiz, ni vizitis la "Colegiata", kiu estis konstruita en 1736 j. en la loko kie antaŭe staris la malnova paroĥejo de Sankta Maria. Gia ĉefa enirejo estas de baroka stilo; en la interno elstaras la granda kupolo, kaj konserviĝas tre belaj altartabuloj apartenantaj al la malnova Preĝejo.

La urbo Alcañiz staras sur monteto, en la plej alta parto elstaras ĝia Kastelo, malnova fortikaĵo gotika, kiu estis sidejo de la Kalatrava Ordeno en Aragón, ĝi estas laŭ arkeologia vidpunkto la plej grava konstruaĵo de Alcañiz. Same kiel la Urbodomo kaj la Lonja, ĝi estas Nacia Monumento.

La plej malnova parto de la kastelo estas de romanida stilo de la XIII.ª jarcento kun pentraĵoj de tiu epoko. La plej moderna parto de la kastelo estas la ĉefa fasado, verko de la XVIII.ª jarcento, konstruita de la reĝido Don Felipe, laŭ stilo de aragona palaco. Nuntempe, la Ministerio pri Informado kaj Turismo starigis en ĝi gastejon, dum la Ministerio pri Edukado kaj Sciencoj priokupiĝas pri la riparado de la malnova gotika fortikaĵo, en kiu estas ĉambroj kun tre interesaj pentraĵoj sur siaj muroj.

La urbo etendiĝas sur la deklivoj de la monteto ĝis la bordo de la rivero Guadalope; en tiu malsupra parto modernaj konstruaĵoj kaj parkoj parolas al ni pri la konstanta disvolviĝo de la urbo.

Dum ni promenis tra la urbo, krom vidi tiom da belaĵoj, ni povis konstati ke niaj novaj samideanoj estas vera promeso por la reflorado de Esperanto en Aragón, ĉar ni bone interkompreniĝis kun ili en la internacia lingvo; ili estas junaj kaj pretaj ne nur lerni, sed ellerni la lingvon.

Je la 2.ª posttagmeze ni ĉiuj kunvenis en centra restoracio por tagmanĝi;



post la tagmanĝo ni vizitis la Kastelon kaj la Liceo, kiu estas tre moderna konstruaĵo bonege ekipita laŭ ĉiuj vidpunktoj. En la granda salono, nia samideano, S-ro Pedro Marqueta prezentis tre interesan kolekton de diapozitivoj pri diversaj vojaĝoj okaze de esperantistaj aranĝoj.

Alvenis la momento de la adiaŭo, kiu feliĉe, ĉifoje estis nur ĝis baldaŭa revido, niaj geamikoj de Alcañiz promesis veni al Zaragoza por partopreni en nia ekskurso al Bilbao, okaze de la V.ª Franca-Hispana Esperantista Renkontiĝo.

Estis jam la 11ª nokte, kiam ni alvenis al Zaragoza. Ĉu lacaj? Ne! La beleco de la urbo, la simpatio kaj gastameco de la Alcañiz-anoj kaj la tre agrabla vetero dum la veturado kompensis la longan vojon trairitan.

Gratulon kaj dankon al Mag. Maynar, kiu tiel bone organizis ĉi tiun fratecan renkonton!

*I. G.*

---

* Tierrabajinos = naskiĝinta aŭ apartenanta al la malalta Aragón.
** Lonja = Borso.

## 15ª KATALUNA ESPERANTISTA RENKONTIĜO

**En Calella de la Costa (Barcelono), la 27-an de majo okazis la 15.ª Kataluna Esperantista Renkontiĝo; ĉi-jare, la unua ampleksanta la tutan katalunan regionon.**

Luma, printempa bonega vetero, alloga urbo; feria stranda urbo, el nia regiono la plej multe vizitata de eksterlandanoj kaj rajte la unua kataluna esperantista renkontiĝo; ĉio faris, ke grandnombraj esperantistoj, proksimume kvincent kolektiĝis en Calella aliĝante per sia ĉeesto al la Printempaj Festoj de la urbo, sub kies kadro ankaŭ disvolviĝis nia Renkontiĝo.

Post la alveno de la gepartoprenantoj al la Piaj Lernejoj, okazis en la preĝejo de la Sanktaj Reĝoj kuncelebrata katolika diservo, fare de P. Jozefo Claramunt Sch. P.; P. Manuel Casanoves CMF. kaj P. Ignasi Peguera Sch. P.

La infanĥoro "La Malgrandaj kantistoj de la Piaj Lernejoj" kantis Esperante en la Meso kaj je la fino estis benitaj la flagoj de la Grupo Esperantista de Calella kaj de la Esperanto-Fako de Fomento Martinense de Barcelono.

Patro Casanoves predikis en Esperanto. Li komencis sian predikon dirante: Mi tre ĝojas esti en tiu ĉi bela urbo apud la maro okaze de nia unua Kataluna Renkontiĝo postmilita, ĉar ĝi rememorigas la renkontiĝojn antaŭmilitajn. Mi ankaŭ tre ĝojas pro la multaj eksterlandanoj ĉeestantaj; kaj daŭrigis: —Gefratoj, geamikoj, ni resumu la finan ideon, kiu sin trovas en Sankta Petro, la unua ĉefbatalanto: Dio ne privilegias personon, ĉiu estas akceptata de Li.

Surbaze de ĉi tiu ideo. La prediko

de Patro Casanoves estis vera leciono pri amo, kiu multe pensigis nin. Li tiun amon komparis kun la ideo de universaleco kaj reciproka amo, kiun Esperanto enhavas. Nur per via amo, li diris, tiu Zamenhofa sankta amo kiu eliras el la strofoj de La Espero, dissaltos disbatitaj la obstinaj baroj inter la popoloj dividitaj.

Post la Meso la kunvenintaj esperantistoj aliris al la Publika Salono de la Piaj Lernejoj, kie post la inaŭguro de la apuda Esperanta Ekspozicio, okazis intersekve la anoncitaj programeroj.

Komence la infanĥoro "La Malgrandaj Kantistoj de la Piaj Lernejoj" kantis nian himnon la Espero, kiun ĥore akompanis la tuta ĉeestantaro.

Sekve, S-ro Félix de Valois suriris la scenejon por saluti la partoprenantojn, el kiuj multaj eksterlandanoj, je la nomo de la Grupo de Esperanto de Calella. Nia deziro, li diris, estas antaŭenigi nian movadon en tiu ĉi kosmopolita urbo Calella, kaj plu restis sur la scenejo por prezenti la reprezentantojn de Grupoj. Unue parolis S-ro René Llech Walter el Perpignan, kiu salutis je la nomo de Francujo. Li diris, ke li ankaŭ estas kataluno, ĉar en Perpignan, oni ankaŭ parolas la katalunan lingvon. "Ni devas ne rigardi la landlimojn, ni estas amikoj kaj nun ni estas en Esperantujo. Mi iam prelegis en Tarrasa kaj Sabadell. Kial nun oni ne vizitas nin anstataŭ viziti kinejojn? Vi estos akceptataj kun plezuro, tie oni ankaŭ dancas la sardanon, la plej demokratan dancon en la Mondo, ĉar ĝin ronde dancas, kun interpremitaj manoj, riĉuloj kaj malriĉuloj, junuloj kaj maljunuloj.

Sekve salutis kaj parolis la alilandanoj S-ino Iva Aberq (Ĉeĥoslovakujo); S-ro Javer (Germanujo); Mis Collexijn (Nederlando); Leuranrt Aberq (Svedujo) kaj S-ro White (Anglujo).

El nia lando salutis Luis de Otaola (Bilbao); Fernando Soler (Valencio), kiu legis kelkajn vortojn de D-ro Rafael Herrero rilatajn al nia Renkontiĝo, pri kiuj li esprimas sian deziron, ke la kataluna movado plu laboru; kaj sekvis en la salutado S-ro Jaime Miró el Madrido.

S-ro Rafael Devís (Barcelono) salutis je la nomo de la Fervojistoj; S-ino Vilella nome de Esperanto-Fako Foment Martinenc; Alfonso Tur (Instituto de Esperanto); Juan Guiñón (Stelo de Paco), li diris, ke ni devas celebri anstataŭ unu renkontiĝon, kvar en la jaro, laŭ la kvar sezonoj: Somere ĉe la maro, vintre sur la neĝo...! Miguel Vilagrán (Esperanto-Grupo UNESKO); Joan Pera (Calella); Bartolomé Costa (Manlleu); Gabriel Mora i Arana (Manresa), kiu deklamis poeziaĵon sian pri Calella; Eduard Inurrigarro (Riells del Fai, la pasintjara Renkontiĝoloko).

Paŭzon en la salutado faris la Infanĥoro per kanzonoj en Esperanto, unu el ili Sardano-muziko, kies tekston en Esperanto originale adaptis membroj de Centro de Esperanto Sabadell.



**La infana trupo de Sta. Coloma de Gramanet, kantas en Esperanto**

La sardano KIAM AĜIS JAROJN SEP tekstas:

Kiam aĝis jarojn sep,
jam en rondo familia,
kiam aĝis jarojn sep,
ni tuj lernis diri jes.
En kongres' li kaj mi
Esperanton ekbalbutis
En Kongres' helpis ni
l' organizon pli kaj pli.
Tiom granda estis la ĝoj',
kiun sentis nia kor'
dum l' Esperantaj aranĝoj,
ke nun la pens' iras for'.
Renkontiĝojn katalunajn
kaj eĉ Kongresojn de H.E.F.
—belan etoson de homa fratec'—
ĝuis ni en l' infanec'.
Pli aĝaj iĝis ni
sed persistos en la Movad'
Plej forte agos ni
ĝis detru' de l' lingva bar'
Do ek al la batal'
por nia lingvo vivanta,

sen hezit'; kun obstin',
nobla estas l' ideal':
Esperanta.

Daŭrigis la salutadon S-roj Llibert Puig (Sabadell); Luis M.ª Hernández Izal (Sant Pau d'Ordal - Vilafranca del Penedés); Sebastián Chaler (Tarrasa); Antonio Marsó (Vich); Johana Hernández (HEJS) kaj José Gómez (Esperantistaj Blinduloj), kiu emfazis, ke iam antaŭe, kiam la blinduloj havis malbonan ekonomian situacion, ilia idealismo estis supera al la nuna. La internacia lingvo, li diris, estas por la blinduloj vera ligilo trans la landlimoj kaj la lingvaj baroj.

Laste salutis la esperantistaron, hispanlingve, la Urbestro de Calella, S-ro Joan Llovet je la nomo de la Urbo. Li bedaŭris, ke se pri io li devas penti, tio estas ke li ne lernis Esperanton. Li promesis doni la nomon Esperanto al strato de Calella kaj tutkore, kun malfermitaj brakoj, invitis la esperantistojn por tiu okazaĵo.



**La urbestro de Calella salutas la Renkontiĝantojn**

Post la invito de la Urbestro paroladis S-ro Luis Hernández Izal. Li prelegis en kastilia lingvo por klarigi kio estas Esperanto al neesperantistoj, supozante, ke tiuj personoj scias nenion pri la internacia lingvo kaj ĝia kreinto Zamenhof.

S-ro Hernández Izal komencis sian paroladon per jenaj vortoj: —Zamenhof estis kuracisto kaj kreis la lingvon Esperanto en la jaro 1887-a; kiel vi povas vidi, Esperanto havas multajn jarojn da vivo.

Sekve, li parolis pri la lingvaj problemoj, kiuj de antaŭ jarcentoj dividas la homojn, kaj li pruvis la neceson de lingvo internacia neŭtrala, kiel Esperanto estas. Nacia lingvo, li diris, neniam povos esti konsiderata kiel internacia; nur lingvo kreita kiel internacia, estas la egaleco kaj samrajteco por ĉiuj.

S-ro Hernández Izal daŭrigas sian disertacion prezentante la figuron de Dro. Zamenhof, kaj la neceson de komuna internacia lingvo, kiun li sentis de sia infanaĝo pro la diverseco de gentoj kaj sekve de lingvoj ekzistanta en lia naskiĝurbo Bialistoko.

La preleganto, tre bone dokumentita, skize prezentis la historion de Esperanto reliefigante ĝian valoron kiel internacian lingvon pro ĝiaj neŭtraleco kaj facileco. Ĝi estas vivanta lingvo, li diris. Publikiĝas en ĝi multaj libroj kaj revuoj, kaj gravaj entreprenoj kiel —ekzemple— Fiat kaj Philips projekcias filmojn kaj disdonas propagandon en Esperanto.

En nia lando altnivele oni instruas Esperanton en la Universitato de La Laguna.

Post raporti pri la Esperanto-Movado en la mondo, S-ro Hernández Izal konsilis al la neesperantistoj ke ili lernu Esperanton, tiamaniere, li diris, vi atingos premion. Per unu sola idiomo, vi solvos la lingvan problemon por ĉiam.

Post la parolado de S-ro Luis M.ª Hernández Izal okupis la scenejon la "Junulara Trupo de Centro de Esperanto Sabadell" por reprezenti la teatraĵon "Verda aŭ Nigra". Ili bonege aktoris en siaj roloj. La argumento de "Verda aŭ Nigra" rilatas al la kontraŭaĵoj, kiujn renkontas tiu, kiu malkovras novan veron kontraŭanten la ĝis tiaman ĝeneralan opinion; kvankam cent jarojn poste oni rekonas, ke li pravis.

Sekve suriris la scenejon la konkurantoj pri kantoj en Esperanto.

La unua estis Joan Ramoneda per la kanto "La Printempo"; sekve la trupo Erithkokslon, kiu kantis "Kantu, Kantu Najtingalo" kaj "La Hundo". Poste la geknaba Triopo de la Grupo de Santa Coloma kantis "Ĉiu, Ĉiu, Ĉiu". Fine ĉiuj konkursantoj kune kantis "La Hundo": Kien iras la hundo? Post la hundinojn..., ĥore kantatan de la ĉeestantoj, kun fina ĝenerala aplaŭdo por la kantistoj.

En proksima hotelo pli ol tricent geesperantistoj partoprenis en la frateca kunmanĝado; kaj ĝis la venonta jaro: Kien?

*G. M.*

# HISPANA LIRIKO

Miguel de Cervantes Saavedra, *tutmonde fama aŭtoro de* Don Quijote de La Mancha, *naskiĝis en Alcalá de Henares la 9-an de oktobro de 1547 kaj mortis en Madrido la 23-an de aprilo de 1616, la saman tagon, monaton kaj jaron kiam mortis Shakespeare. Kiel poeto, Cervantes ne egalas sian proz-rakontan genion, tamen li postlasis kelke da altvaloraj poemoj:*

### *Al la Tombo-monumento de Felipe II en Sevilla*

Je Dio vera, jen konstru' impona!
Por povi ĝin priskribi mi eĉ pagus.
Ĉu oni pli da luksa bel' imagus
por ĉi monumentego miro-dona?

Pro Jesu-Kristo, ĉiu peco ŝtona
trezoron kostas... Ho, se nur ne plagus
la tempo, kaj jarcentojn ĝi forvagus
de vi, Sevilla, pompa kiel Roma!

Mi vetas: la animo de l' mortinto
sin tiris tien ĉi, portempe lasis
la paradizon, kie li eternas.

Fanfaronulo diris kun voĉ-tinto:
—Soldato, pravas vi— kaj eĉ emfazis:
—Se iu malon diras, lin mi sternas.

Provok-okule paŝis,
bravaĉe sian glavon li ektuŝis,
plu iris pave... kaj neni' okazis.

### *Sinjorino Oriana al Dulcinea del Toboso*

Mi volus kun vi ŝanĝi, Dulcinea,
kastelon Miraflores plus Londono
por la paca, serena monotono
de El Toboso, via loko fea.

Mi volus, ĉe Quijote epopea,
esti vi mem en koro kaj persono
—vi, kiu faris lin feliĉa homo—
kaj vidi lin en lukto apogea.

Ho, kial ne rezistis ĉasto mia
al Amadisaj kisoj, dum vi povis
kun Don Quijote vin tenadi virta?

Mi estus enviata, ne envia...;
pro mia cedo, mi nur triston trovis,
dolore pagis pro la vivo flirta.

### *Don Belianís de Grekujo al Don Quijote de La Mancha*

Mi batis, rompis, breĉis, diris, faris
pli ol l' aliaj vagaj kavaliroj;
mi arogantis, lertis per rapiroj
kaj venĝis mil ofendojn, cent mil baris.

La farojn miajn famo ne avaris,
la damoj flatis min kun am-sopiroj,
naniĝis antaŭ mi gigantaj viroj,
kaj la duelojn tute ne mi ŝparis.

Sub mia plando kuŝis la fortuno,
mi kiel ludon traktis la destinon
kaj ĉiam ĝin alfrontis maldorlote.

Kaj, kvankam ĝis la kornoj de la luno
la famo levis min, la paladinon,
vin mi envias, vin, ho Don Quijote!

*De Solisdán al Don Quijote de La Mancha*

Eĉ se, sinjor' Quijote, la deliroj
renversis vian cerbon absolute,
neniu diros, ke vi laŭkondute
similis al fiagaj kavaliroj.

La farojn viajn gloras panegiroj,
ĉar vi arbitrojn frontis, rompis tute,
eĉ se milfoje vin trabatis brute
friponaj, feĉaj kaj kanajlaj viroj.

Kaj se la ĉarma, bela Dulcinea
de vi sin turnas al alia distro,
traktante vin kun koro senkompata,

al vi alvenas tia sorto vea,
ĉar Sancho Panza estis fuŝ-peristo:
li, stulta. Dura, ŝi. Vi, ne amata.

*Kanzono de Cardenio*

Kio tenas min en tristo-regno?
Disdegno.
Kio min kondamnas al konfuzo?
Ĵaluzo.
Kio puŝas min al kor-tempesto?
Foresto.
Sekve, evidentas sen kontesto,
ke rimedo al mi ne alvenos,
kaj al malespero min fortrenos
la ĵaluz', disdegno kaj foresto.

Kio vundas min per agonio?
Am-dio.
Kio aĉe traktas min per puno?
Fortuno.
Kio min submetas al kruelo?
Ĉielo.
Laŭ la volo do de mia stelo
min ekstermos ĉi malsano stranga,
ĉar komplotas per insido sanga
la am-di', fortuno kaj ĉielo.

Kio gvidos min al milda sorto?
La morto.
Kio igus vivi min sen ĝemo?
Ŝanĝemo.
Kio tiras amon al forgeso?
Frenezo.
Tiel do egalus al stulteco
voli resanigi sin de l' amo,
se nur venkas super ties flamo
morto kaj ŝanĝemo kaj frenezo.

*Soneto de Lotario*

En la silento de la nokto paca,
kiam la homoj dolĉadorme kuŝas,
la vean triston mian mi elbuŝas
al Clori kaj al la ĉielo graca.

Kaj dum la hela suno ombro-ĉasa
tra rozaj pordoj de aŭror' sin puŝas,
lamentojn, plendojn, veojn re akuŝas
la tristo mia kun dolor' senlaca.

Kaj dum la suno de brilanta oro
de alte lumon sur la mondon sendas,
ankoraŭ frapas min aflikto murda.

Revenas nokto, min opresas ploro,
ĉar ĉiam la animon mian fendas
disdegna Clori kaj ĉielo surda.

Tradukis: *F. de Diego*

---

## Niaj Grupoj

### *VALLADOLID*

VIVO DE LA GRUPO "FIDO KAJ ESPERO"

La dekokan de Februaro okazis la Generala Kunsido, en kiu estis elektita la jena estraro:

PREZIDANTO, Gonzalo Castañón Marcos; VICPREZIDANTO, Antonio Gamboa Sánchez; SEKRETARIO, Luis Hernández García; VICSEKRETARIO, Juan Antonio Saturnino Robles; KASISTO, Mauro López Nalda; KONTISTO, Francisco Castañón Marcos; BIBLIOTEKISTO, Jacinto Urueña Antón; VOĈDONANTOJ, Carlos Castañón Adalia, M.ª Dolores Lafont Morgado, M.ª Rafaela Urueña Alvarez.

La ĉeestantaro aprobis unuanime la laboron faritan dum la pasinta jaro.

SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

Denove, kiel jam estas kutime, la Grupo celebris la ĉijaran semajnon per diversaj faroj, kiuj estis tre sukcesaj.
La vendredon, 22-an, oni parolis esperante pri "La graveco de la amikeco", kaj samideanoj Hernández, López Nalda, Castañón kaj aliaj rakontis siajn impresojn el korespondado kun eksterlandaj samideanoj.
La sabaton, 23-an, en nia salono, S-rino M.ª Rafaela Urueña de Hernández prelegis hispane pri la temo: "Ejemplos prácticos de Amistad Internacional". La prelego tre interesa, estis premiita per longa aplaŭdado.
La dimanĉon, 24-an, diversaj samideanoj kaj gesimpatiantoj partoprenis komunan bankedon en grava restoracio.

HELPO AL LA KAMPANJO KONTRAŬ LA MALSATO

Okaze de la ĉijara kampanjo, kelkaj membroj de nia Grupo kontribuis per mondonaco al tiu grava entrepreno.

HISPANLINGVA PRELEGO

La mardon, 10-an de aprilo, en nia sidejo, nia samideano Jacinto Urueña parolis pri la temo "El lenguaje, cumbre de los descubrimientos", kiu pro sia intereso kaptis la atenton de ĉiuj ĉeestantoj.

## FERMO DE LA ELEMENTA KURSO

La 11-an de aprilo, okazis la fermo de la ĉijara Elementa kurso. Post kelkaj vortoj de la Prezidanto, kuraĝigantaj la gelernantojn daŭrigi sian entuziasmon por la Internacia Lingvo, oni donacis al ĉiuj kiuj ĝis fine frekventis la kurson, esperantan emblemon.

## DONACO DE GRAMATIKO KAJ VORTARO AL KULTURAJ ĈAMBROJ

Laŭ decido de la estraro de la Grupo "FIDO KAJ ESPERO" de Valladolid kaj destinitaj al la ĵus kreitaj Kulturaj Ĉambroj oni donacis Gramatikon de Esperanto, de F. Soler y Valls kaj Vortaron "Lexicón Sopena". La Grupo disdonis ankaŭ la libreton "Bazaj faktoj..." en la hispana lingvo, "Hechos fundamentales...".

La Kulturaj Ĉambroj estas kreaĵo de la Magistrato de Valladolid, en kunlaboro kun la Delegacio pri Informado kaj Turismo.

La librojn donis samideanoj A. Gamboa y Sánchez kaj S-ino Urueña de Hernández al la prizorganto, kiu tre afable parolis kun ili kaj dankis la donacon por la ses Ĉambroj de Kulturo ekzistantaj en ses kvartaloj de la urbo.

Lia Moŝto la Urbestro de Valladolid, sendis al la Grupo "FIDO KAJ ESPERO" leteron en kiu per tre afablaj vortoj dankas la donacon ricevitan.

*Ludoviko*

*U J O*

## ESPERANTISTA FESTO EN TELE-CLUB DE UJO (Asturias)



Grupeto da invititoj en la festo

Kiel fino de la Kurso de Esperanto, kium dum la vintraj monatoj klarigis Sroj. Cienfuegos kaj Vergara, de Mieres, kaj kiun partoprenis nombraj gejunuloj, la Grupo Esperantista Tele-Club de Ujo organizis eksterordinaran kunvenon por festi la sukceson de la Kurso, kaj danki al Sroj. Cientuegos kaj Vergara ilian laboron.

Unuavice, ni devas gratuli al la Prezidanto de Tele-Club, Sro. Restituto Blanco Campomanes, aktiva junulo, kiu plene faciligis la laboron de la Grupo Esperantista de Mieres en ĉi tiu vilaĝo.

Sekve, nia gratulo estas por la instruantoj kaj gelernantoj de la kurso, pro la sukceso atingita, ĉar, nun, ĉe la kursofino, la lernantoj demonstras ke ili nur en kelkaj monatoj dum kiuj estis feriaj intertempoj okaze de Kristnasko

kaj Novjaro, Sankta Semajno, ktp., lernis sufiĉe bone la lingvon kaj krom tio, ili lernis krei profundan amikecon inter ĉiuj, kio ebligis ĉi tiun simpatian feston.

Invititaj de la organizantoj, ankaŭ partoprenis la feston malnovaj gesamideanoj de la provinco.

Ne sufiĉis al la novaj esperantistoj fini la kurson per tiel simpatia festo, ili deziris elmontri sian dankon al Sroj. Cienfuegos kaj Vergara pro ilia laboro kaj sindonemo; kaj, kiam ni tostis por la sukceso de Esperanto, ili surprizigis nin per tre belaj donacoj por la instruantoj Sroj. Cienfuegos kaj Vergara, kiuj vere surprizitaj dankis la donacojn per emociaj vortoj en Esperanto kaj en la hispana lingvo.

La festo finis per la kantado de La Espero.

Bona Kurso-fino kaj ankaŭ tre bela Festo-fino. Esperanto semas kulturon kaj amikecon kaj ĝi rikoltas sukcesojn kiaj tiu pri kiu ni raportas.

Ni esperas ke baldaŭ aperos en la provinco imitantoj de la Tele-Club de Ujo, al kiu ni kore gratulas pro ĝia kultura laboro. La semo ekfruktiĝis kaj daŭre fruktiĝas en ĉi tiu Tele-Club, kie oni jam akceptas enskribojn de gejunuloj, kiuj avide deziras koni la avantaĝojn de ĉi tiu internacia lingvo, kies sukceson ni esperas atingi en baldaŭa estonto.

*S. M. Ardura*
Mieres

## MENORCA

### PRELEGO PRI ESPERANTO EN SAN LUIS (Menorca)

Organizita de "Centro Cultural y Deportivo San Luis", la 26-an de majo havis lokon en la Urba Biblioteko prelego pri la temo: "Sobre la futura Lengua Internacional. El Esperanto", fare de la Delegito de U.E.A. en Menorca, Sro. Antonio Tuduri.

La preleganto, post ol li prezentis la bezonon de lingvo internacia kaj funde studis la problemon, disvolvis sintezon pri la gramatika konsisto de la internacia lingvo, Esperanto.

La multnombraj ĉeestantoj, inter kiuj, preskaŭ ĉiuj geinstruistoj de San Luis, sekvis kun granda intereso la disertacion de Sro. Tuduri, kiu estis varme aplaŭdita je la fino.

Nian gratulon al Sro. Tuduri kaj al la Asociación Cultural y Deportiva San Luis pro la bona aranĝo.

X. X.

## ZARAGOZA

### NOVA KURSO DE ESPERANTO

Organizita de la Vegetarana Societo de Zaragoza, pasintan monaton Majo, komenciĝis kurso de Esperanto en la sidejo de la Vegetarana Societo.

Gvidas la kurson nia samideano S-ro José Guío Fierro, al kiu ni deziras grandan sukceson en lia laboro.

---

Don José Soler Sempere ha creado unos premios de distintas categorías cuyas bases y condiciones pueden solicitarse a dicho señor. Avda. de José Antonio, 58, Valencia - 5.

# CUENTA DE RESULTADOS AÑO 1972

*INGRESOS*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas de 1971 | | 5.570,— | |
| Cuotas de 1972 | | 60.969,65 | |
| Reembolsos 1972 (cuota más gastos) | | 39.609,— | |
| Donativos | | 7.668,— | |
| Dumvivaj Membroj | | 20.000,— | |
| Congreso Vigo (excedente y derechos de examen) | | 6.001,90 | |
| Alumnos curso H.E.F. | | 2.500,— | |
| Boletines | | 375,— | |
| Beneficio venta libros | | 6.365,— | |
| Intereses Bancarios | | 374,90 | |
| Donativos F.A.L.P. | | 78.900,— | |
| *Suman los ingresos* | | | 228.333,45 |

*GASTOS*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Secretaría | | 7.200,— | |
| Tesorería | | 4.223,50 | |
| Imprenta Boloix | | 87.152,— | |
| Gastos remesa Boletín | | 6.686,10 | |
| Pagados | 5.440,10 | | |
| Pendiente | 1.246,— | | |
| Porte libros desde Zaragoza | | 348,— | |
| Material de propaganda adquirido a E-Fako | | 4.425,— | |
| Pagado | 760,— | | |
| Pendiente | 3.665,— | | |
| Gastos local y oficina | | 19.677,— | |
| Suscripción a Heroldo, etc. | | 775,— | |
| Gastos Bancarios | | 55,23 | |
| Cuota U.E.A. —1972— pendiente pago | | 4.600,— | |
| Intereses hipoteca general | | 8.818,63 | |
| *Suman los gastos* | | | 143.960,46 |
| *Excedente* | | | 84.372,99 |

M. FIGUEROLA — GERARDO FLORES

# CUENTA DE TESO

*COBROS*

| | | |
|---|---|---|
| Saldo en 1-1-1972 | | 68.539,23 |
| Cuotas de 1971 | | 5.570,— |
| Cuotas de 1972 | | 60.969,65 |
| Reembolsos 1972 (Cuota más gastos) | | 39.609,— |
| Cuotas anticipadas de 1973 | | 7.290,— |
| Donativos | | 7.668,— |
| Cuotas "Dumvivaj Membroj" 1972 | | 20.000,— |
| *Congreso de Vigo:* | | |
| — Saldo a favor | 5.201,90 | |
| — Derechos de examen | 800,— | 6.001,90 |
| Alumnos curso H.E.F. | | 2.500,— |
| Boletines | | 375,— |
| Libro Servo | | 301,— |
| Intereses BANESTO | | 158,90 |
| Donativos F.A.L.P. (156.000 — 77.100) | | 78.900,— |
| Intereses Banco Santander | | 216,— |
| Cobrado beneficio Libro-Servo | | 3.303,— |
| Regularización cuenta fra. n.º 11/12 Boloix, 1970 | | 11.263,— |
| Cancelación de cuotas de 1970-1971 mediante donativo anónimo | | 20.000,— |
| | | 332.664,68 |

M. FIGUEROLA

# BALANCE DE SITUACION EN

| | | |
|---|---|---|
| *DISPONIBLE* | | 91.728,11 |
| Caja y Bancos. | | |
| *REALIZABLE* | | 81.476,— |
| Libro Servo. | | |
| *MATERIAL CONSUMIBLE* | | 3.200,— |
| Tarjetas, cartas, sobres, sellos, etc. | | |
| *INMOVILIZADO* | | 727.976,— |
| Local en propiedad | 692.500,— | |
| Mobiliario adquirido | 6.400,— | |
| Mobiliario donado | 20.000,— | |
| Instalación eléctrica | 3.900,— | |
| Máquina de escribir | 4.016,— | |
| Fianza U. Eléctrica | 1.160,— | |
| *REGULARIZACIONES PENDIENTES* | | 19.800,— |
| Cuotas pendientes cobro 1972. | | |
| | | 924.180,11 |

M. FIGUEROLA

## ERIA AÑO 1972

*PAGOS*

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 7.200,— |
| Tesorería | | 3.923,50 |
| Imprenta Boloix | | 87.152,— |
| Gastos remesa Boletín | | 5.440,10 |
| Portes libros | | 348,— |
| Insignias | | 760,— |
| *Gastos local y oficina:* | | |
| — Comunidad | 6.000,— | |
| — Teléfono (incluida inst.) | 8.371,— | |
| — Portero | 900,— | |
| — Luz | 2.129,— | |
| — Limpieza oficina | 1.300,— | |
| — Varios | 977,— | 19.677,— |
| Heroldo y Monda Lingvo Problemo | | 775,— |
| Gastos bancarios | | 55,23 |
| Adquisición máquina de escribir | | 4.016,— |
| *Local de Secretaría:* | | |
| — Hipoteca | 4.096,58 | |
| — Hipoteca | 7.096,58 | |
| — Hipoteca | 7.096,58 | |
| — Efectos: 12 × 7.775 | 93.300,— | 111.589,74 |
| | | 240.936,57 |
| *Saldo a cuenta nueva* | | 91.728,11 |
| | | 332.664,68 |

GERARDO FLORES

## 31 DE DICIEMBRE DE 1972

| | | |
|---|---|---|
| *EXIGIBLE* | | 475.678,89 |
| Efectos a pagar compra local | 392.650,— | |
| Hipoteca local | 83.028,89 | |
| *GASTOS A PAGAR* | | 9.511,— |
| Cuota U.E.A. —1972— | 4.600,— | |
| Gastos remesa Boletín | 1.246,— | |
| Factura E. Fako | 3.365,— | |
| " " | 300,— | |
| *FUNCIONAMIENTO* | | 7.290,— |
| Cuotas año 1973 cobradas en 1972. | | |
| *PATRIMONIO EN 31-XII-1972* | | 411.900,22 |
| Saldo en 31-XII-71 | 203.764,23 | |
| Incremento valor local (omitido en 1971) | 92.500,— | |
| Incremento fra. 11/12 Boloix, considerada gasto indebidamente en 1971 | 11.263,— | |
| Incremento donativo para cancelación cuotas de 1970-71 | 20.000,— | |
| Incremento excedente 1972 | 84.372,99 | |
| *REGULARIZACIONES PENDIENTES* | | 19.800,— |
| Cuotas pendientes de cobro 1972. | | |
| | | 924.180,11 |

GERARDO FLORES

# REVUO DE LA REVUOJ

En NIA VOĈO, majo 1973, organo de la Dana Laborista Esperanto-Asocio oni legas:

"Mi opinias, ke niaj lertaj membroj uzas pli da tempo por rigardi kaj admiri sian propran umbilikon, anstataŭ agi por la celo de nia organizo."

Ŝajne, nova scienca fako iniciatiĝas en nia Movado: la umbilikologio, kun la danaj esperantistoj-laboristoj kiel avangardaj umbilikologoj. Ni jam atendas la rezulton de iliaj esploroj!

* * *

En NOV-ZELANDA ESPERANTISTO, n.° 369, 2-1973, Jozefo Major subskribas la interesan artikolon *Esperantologio,* kie interalie li diras:

"...por reteni la relativan facilecon de nia lingvo ni devas esti singardemaj en tiu ĉi rilato kaj ni devas akcepti neologismon nur kiam ĝi estas nepre necesa... La facil-anima akcepto de neologismoj klarigas kial la Ilustrita Plena Vortaro estas tiel dika kaj multekosta: multekosta ne nur por la monujo, sed ankaŭ por la memoro!"

Estas kurioza fenomeno, ke dum ĉiuj nacilingvaj verkistoj ricevas laŭdon, kiam ili sin montras posedantoj de riĉa kaj nuancita vortoprovizo, la kompatindaj Esperantaj aŭtoroj devas kvazaŭ honte uzi et-doze tiun aŭ alian neologismon kaj konscie limigi sian kreivon, ĉar granda parto de la esperantistoj deziras lingvon rudimentan, nanan, anemian, kiun ili ja amas ...kondiĉe, ke ĝi limiĝu al rolo de Cindrulino senambicia!

Esperanto bezonas, krom ampleksa kaj normigita frazeologio, multege da novaj radikoj, se ni deziras, ke ĝi utilu en *ĉiuj* sektoroj de la homa agado. Oni tro supertaksas la derivsistemon de Esperanto kaj ĝian aglutinan karakteron, kvazaŭ ĝi estus magia rimedo al nia lingva paŭperismo. En tro multaj sciencaj kaj teknikaj kampoj, Esperanto estas senespere malriĉa, preskaŭ tute netaŭga, ĉar por precizaj konceptoj ĝi disponas nur, en la okazoj kiam ĝi disponas, priskribecajn difinojn sen absolute konkretaj konturoj. Pro manko de tiu plena difiniteco, multaj Esperantaj kunmetoj devas esti lernataj kiel simplaj radikoj: *eksedziĝo, falŝirmilo, transkapiĝo...* La listo facile povus fariĝi tre longa.

La aglutina strukturo de Esperanto estas genia solvo rilate al la morfologia flanko de la lingvo, sed en la kampo de la leksikologio la rezultoj de ĝia dinamiko montriĝas malpli pozitivaj.

Kelkaj puristoj argumentas, ke la kreado de novaj radikoj kontribuas la velkon de la derivsistemo de Esperanto; tial ili preferas, por ekzemplo, "estontecon" aŭ "estontaĵon" al *futuro,* ne konsciante, ke de *futuro* deriviĝas *futurismo, futuristo, futurologo, futurologio,* internaciaj vortoj malfacile formeblaj surbaze de la radiko *est.*

Kiam neologismo estas "nepre necesa"? Tion s-ro Major ne klarigas. Kio al mi povus ŝajni "nepre necesa", tion li povus opinii "tute superflua", kaj kontraŭe. La finan sorton de neologismo determinas la akcepto aŭ neakcepto de la flanko de la publiko, ne ia apriora verdikto de la konservativuloj de la lingvo.

La enkonduko, eĉ pogranda, de novaj radikoj ne endanĝerigas la facilan lerneblecon de Esperanto, ĉar nia lingvo posedas sufiĉe vastan bazon komunan firmigitan de jam longa tradicio, kaj tiun bazan vortaron ni ĉiuj ordinare uzas. Same okazas en ĉiuj naciaj lingvoj. Krome ekzistas en la naciaj lingvoj ega kvanto da vortoj el plej diversaj fakoj, kiuj vortoj, pliparte nekonataj de la ĝenerala publiko, estas nepre necesaj por la koncernaj fakuloj. Mi ne konas la signifon de almenaŭ 60 % de la vortoj sidantaj en hispana enciklopedio, kaj certe same okazas al anglo rilate anglan, al germano rilate germanan ktp. Ĉu parolanto hispana, angla aŭ germana plendas, ĉar ili ne komprenas la pliparton de la terminoj de siaj respektivaj vortaroj? Kontraŭe: ili fieras, ke ili posedas tian riĉon.

Nur ni, esperantistoj, koleras kaj plendas pro la "degenero" kaj la "disfalo" de la lingvo, se en iu Esperanta libro ni trovas dekduon da vortoj nekonataj, eĉ se ili troviĝas glositaj ĉe la fino de la verko; nur ni, esperantistoj, kritikas senindulge la homojn, kiu riĉigas kaj pozitive evoluigas la lingvon per impona laborado literatura; nur ni, esperantistoj, protestas, ke PIV estas tro "dika";

kaj nur al la kapo de esperantisto povas veni la ideo glori sin, ĉar li klopodis sufoki la viv-instinkton de la lingvo, haltigi ĝian evoluon, teni ĝin en konstanta stato de rakitismo. Tion konfesas triumfe s-ro Major: "tamen ĝi estus pli dika (PIV), sen mia agado en 1934, kiam la Japana Esperanto-Kongreso en Kioto (Japanujo) unuanime akceptis mian rezolucion kontraŭ la nenecesaj(?) neologismoj".

Feliĉe, temas pri fantazioj; PIV ne estas pli dika, ne pro ia agado de s-ro Major en Japanujo antaŭ 40 jaroj, sed simple ĉar la ekonomia situacio de SAT ne permesis —kaj tion oni nur povas bedaŭri— la eldonon de pli vasta vortaro. Eĉ ne en Japanujo lia rezolucio ŝajne havis daŭran efikon, ĉar nuntempe la japanaj esperantistoj rangas inter la plej neologismemaj. Oni memoru nur la verkojn *Enciklopedieto Japana, El Japana Literaturo* kaj *Invit' al Japanesko.*

S-ro Major aldonas: "Vera arto ofte konsistas en simpleco". Mi tute konsentas. Sed, kio estas *simpleco* en Esperanto arta? Ĉu neuzo de neologismoj? Ĉu la neologismema Kalocsay ne estas mirinde simpla, arte kristalklara? Laŭ la logiko de s-ro Major, ni devus nomi supera poeto de la Esperanta parnaso la iaman prezidanton de la Hispana Esperanto-Asocio, s-ron Julio Mangada, kiu tradukis tiel la jenan soneton de Cervantes (kaj publikigis ĝin!):

Kvankam malsaĝaĵoj vin, ho Sinjoro!,
tre freneze jam cerbumis, domaĝo!,
ne riproĉos vin malinda malsaĝo
eĉ malnobla kun malbona humoro.

La juĝistoj, heroaĵoj kaj gloro
viaj estos; por justec' la kuraĝo
malgraŭ bastonfrapoj al vi eĉ kaĝo
kiujn donis fivirar' sen honoro.

Se de bela Dulcine' vin atencus
ammalfidelaĵo, nobla fianĉo!
kaj ŝi malestimus viajn ĉagrenojn,

jen, ŝin same malfeliĉ' rekompencus;
ĉar malsaĝa kuriero ja Sanĉo,
ŝi kruela, kaj vi havis detenojn.

Ĉu vi, amiko leganto, komprenis ion? Tamen vi ĵus legis puran Esperanton, sen neologismoj, do simplan, laŭ s-ro Major!

Nia ĝenerale uzata, komuna lingvo estas jam relative riĉa; sed mankas ankoraŭ centoj, miloj da novaj radikoj, por ke Esperanto povu adekvate apliki ĝi en ĉiuj sferoj de la homa scio. Se ni nur limake antaŭeniros sur la leksikologia kampo, se ni ne lasos la freŝan aeron enblovi en nian fermitan ĉambreton, Esperanto pereos de tuberkulozo, kiom ajn genia estas la kreaĵo de Zamenhof.

Pri aliaj asertoj de s-ro Major mi tute kaj senrezerve konsentas. Por ekzemplo: "Oni vidas, ke interlingvoj venas kaj iras. Neniu ilin efektive parolas. Oni ne povas verki poemojn en ili, nek kanti aŭ kongresi. Ili ĉiuj pretendas esti pli perfektaj ol Esperanto, tamen post kelkaj jaroj oni apenaŭ memoras pri ili. Fakte, perfekteco ne estas dezirinda por vivanta lingvo, ĉu nacia, ĉu internacia, ĉar lingvo bezonas elastecon, kiu sola permesas la fluan esprimon de penso".

* * *

En SENNACIULO de majo 1973 aperas artikolo de Petro Levis titolita *Ideologio, Scienco kaj Progreso.* La artikolo estas ne malmulte konfuza kaj nebula, kaj el ĝi mi elpinglis por medito la jenan aforismon: "La tekniko estas la ekonomia esprimo de la vero".

En mia profunda nescio, mi venis al la konkludo, ke la nunaj sociologoj estas dialektikaj fratoj de la antikvaj teologoj, ĉar tiu frazo brilas kiel perfekta modelo de skolastika spekulativado kapabla generi senfinan, kaj cetere sterilan kaj stultan, polemikon.

Ĝis la proksima revu-rikolto, kun plej koraj salutoj,

*F. de Diego*



# 26º INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

## -iom pri la Kongresurbo-

## TARRAGONA

Kvankam la origino de Tarragona estas ibera, kaj poste ĝi estis vizitata de la grekoj, kiuj okupis ĝin dum pluraj jaroj, la urbo atingis gloron kiam la roma generalo Scipiono faris ĝin centro de siaj militadoj kontraŭ la kartaganoj. De tiam la famo de Tarragona kreskis pli kaj pli, kaj ĝi ludis gravan rolon en la hispana civilizacio; ĝi estis ĉefurbo de la roma Hispanujo.

Diversaj muzeoj de Tarragona, kiuj konservas relikvojn el la plej brilaj epokoj de ĝia historio, kaj multnombraj restaĵoj, veraj monumentoj, plej parte el la roma epoko, parolas al ni pri la historio de tiu bela urbo kaj ties provinco. Ĝi estas aŭtentika urbo-muzeo, kiu konservas eksterordinarajn monumentojn romajn kaj de la mezepoko. La muregoj, ĉirkaŭintaj tri flankojn de la urbo apartenas al la III.ª jarcento antaŭ J. K. De la amfiteatro konserviĝas parto de la galerio fosita en monteto, kun la volboj, kiuj ĝin tenas; ankaŭ konserviĝas restaĵoj de la Cirko, la Pretorio, la Forumo, k.a.

Por kiuj interesiĝas pri la arto, meritas specialan atenton la Katedralo, grandioza konstruaĵo mezepoka, kies konstruado komenciĝis je la fino de la XII.ª jarcento kaj finiĝis meze de la XIV.ª. Ĝi apartenas al la transiro de la romanida al la gotika stilo, kio donas al la tuto eksterordinaran grandecon. La interno estas latinkruca kun tri majestaj gotikaj navoj; la absido kaj la suba parto de la transepto estas romanidaj. En ĝi elstaras la ĉefaltaro, unu el la plej bonaj ekzempleroj de la florumita gotika arto kataluna.

Tarragona situas sur monteto 70 metrojn alta, kaj ĝi estas dividita en du partoj; Kontraste al la malnovaj kvartaloj kun stratoj de tiel intenca tipeco, kiel tiuj de l' "Portal del Carro", "Vederio", "Escribanías", "Patriarca", ktp., en la centro de la urbo, la "Ram-

bla del Generalísimo" estas tipa promenejo, kiu finiĝas je la Balkono de la Mediteraneo. La modernega placo "Jacinto Verdaguer", la "Rambla de San Carlos", la "Vía del Imperio", la placo "Imperial Tarraco", nodo de ĉiuj komunikiloj... La moderna urbo duobliĝis en la lastaj dudek-kvin jaroj. Direkte al Barcelona kaj al la interno de la duoninsulo, la modernaj loĝokvartaloj sinsekvas en konstanta vastiĝo... Ege interesa estas ankaŭ la vizito al la tipa mara kvartalo de Tarragona, —El Serrallo—; la alveno de la fiŝkapta ŝiparo kaj la aŭkcio de la fiŝoj en la "Lonja" (Borso), meritas nian viziton.

Tarragona, enirejo de la Duoninsulo vidis multajn gentojn trapasi ĝian teron. La provinco Tarragona apartenas al la kataluna regiono, situanta en la Mediteranea marbordo, ĝi estas la plej suda provinco de Katalunujo; ĝiaj limoj estas Barcelona, Lérida, Castellón, Teruel kaj Zaragoza provincoj. Laŭ ĝia klimato kaj geografio oni povas konsideri ĝin dividita en du zonoj: tiu de la marbordo ekde Cunit ĝis la enfluejo de la rivero Cenia, kaj tiu de la interno en kies montara kaj neregula tero alternas montoj kaj montetoj kun fruktodonaj valoj kaj interkrutaĵoj.

La marborda zono, preskaŭ 212 km. longa, estas sinsekvo da plaĝoj kun subtila sablo; la maro ĉiam blua kaj trankvila... En la interno, pejzaĝoj kun nuancoj de brilega suna lumo al kiuj la siluetaj figuroj de la karobujoj, vitejoj, avelujoj, migdalujoj kaj olivujoj donas helenajn gravecon kaj gracion. La provinco estas ĉefe agrokultura kaj ĝin konsistigas riĉaj distriktoj de tre difinita fizionomio.

Ne nur la ĉefurbo, sed ankaŭ la provinco enhavas multajn historiajn memorajojn, inter kiuj elstaras la "Tombo de la Scipionoj" je 6 km. de la ĉefurbo, verko —plej eble— de la I.ª jarcento; la "Arko de Bará", kiu sendube estas la plej bela romanida triumfarko de Hispanujo, konstruita en la II.ª jarcento pro ordono de Trajano, ĝi situas je 20 km. de Tarragona; la akvedukto nomita "Puente del Diablo", konstruita —plej eble— je la epoko de Trajano. Ĝi konsistas el duobla arkaro kaj estas 217 m. longa.

Tre gravaj estas la Monaĥejoj dediĉitaj al Sankta María de Poblet, kaj tiu de "Santas Creus", pri kiuj ni parolos aparte.

Parto de la urbo Montblanch estis deklarita Nacia Monumento, ĝi estas la mezepoka urbrestaĵo plej bone konservata en Katalanujo. Reus, Tortosa, Vendrell... meritas specialan atenton.

Ĉar ankoraŭ restas multo dirinda pri Tarragona —urbo kaj provinco— ni esperas en venontaj numeroj de nia revuo kompletigi la informadon pri tiu bela urbo, gastigonta venontjare, la 26-an Internacian Fervojistan Kongreson de Esperanto.

*Inés Gastón*

---

## ATENCION

A partir del día 15 del corriente mes de julio, los servicios de Eldona Fako e información estarán cerrados hasta el día 30 de agosto.

---

## Fundación «ESPERANTO»

Dos nuevos donativos hay que sumar a los ya recibidos para la Fundación, estos son los siguientes: D. Salvador Oliván, de Vigo, 1.000 pesetas; D. Cándido Cienfuegos, de Mieres, 150 pesetas, que sumados a la suma anterior hacen un total de 2.650 pesetas.

## 33ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Organizita de H.E.F., okazonta en Madrid
de la 20.ª ĝis la 24.ª de julio 1973.ª

Adreso de la Organiza Komitato.
Str. Rodríguez San Pedro, 13, 3.º, desp. 7. MADRID - 15.

## 58ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Beograd (Jugoslavio) de la 28.7 ĝis la 4.8.1973
Sub la Alta Protektado de la Prezidanto de SFR. Jugoslavio,
Josip Broz Tito

Informoj, ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe la peranto, S-ro Ramón Molera, Ĉefdelegito de U.E.A. en Hispanujo, str. Santa Joaquina, 13, MOYA (Barcelona) kaj ĉe la Hispana Esperanto-Federacio.

Konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg, 176, Rotterdam 3002, Nederlando.

## 14ª EŬROPA FERIOSEMAINO (EFS)

Okazonta sur FURIGEN (Svislando) apud STANSSTAD ĉe la Kvarkantona lago de la 2.ª ĝis la 8.ª de septembro 1973

Informas S-ro Ernst GLÄTTLI, Sekretario SAEF, Laurstrasse, 17, CH-5200 BRUGG (Svislando).

## 26ª INTERNACIA FERVOJISTA KONGRESO DE ESPERANTO

Okazonta en Tarragona (Hispanujo) de la 11-a ĝis 17-a de Majo 1974
Sub la Protektado de F.I.S.A.I.C.

Informoj kaj aliĝiloj estas senpage riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, ĉe S-ro Ramón Giménez Feliu, Ronda de San Antonio, 46-50, 2.º, 4.ª. BARCELONA - 11 (Hispanujo).

TIP. C. BOLOIX. - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63